

# ESPERANTO MARTIN-JIHLAVA

## 20 jaroj de la Teatro de Nacia Revolucio en Martin

La profesia sceno en Martin ekestis en aŭtuno 1943 sub la nomo „Slovaka Kamerteatro“, kun Andreo Bagar kiel arta gvidanto. Ĝi daŭrigis la riĉan teatran agadon de la urbo Martin, ĉar ĉi tie jam ekde 1839 estis organizataj regulaj teatro-prezentadoj kaj la tiea Slovaka Kanthoro, fondita en 1872, estis direktodona por la slovaka amatora teatro.

Jam per sia unua premiero, „Filipo la Dua“ de Verhaeren, la 22—an de januaro 1944 la Slovaka Kamerteatro manifestis sian kontraŭfaŝisman kaj kontraŭklerikarisman sintenon rilate al la tielnomata Slovaka ŝtato tiel firme, ke la superaj instancoj malpermesis pluajn prezentadojn de ĉi tiu teatrajo. Dum la Slovaka Nacia Revolucio en la jaroj 1944—1945 la tuta arta ensemblo aliĝis al la naciliberiga batalo kaj kelkaj ĝiaj anoj aktivis en kadro de la „Frontteatro“ en diversaj batalzonoj de la revolucia teritorio.

Post la liberiĝo la teatro daŭrigis la progresemajn tradiciojn, kiuj esprimiĝis antaŭ ĉio per la unua granda sukceso — per la venko en la tutŝtata konkuro „Teatra Rikolto“ en 1948 kun „Vassa Železnova“ de Gorkij.

Pluaj signifoplenaj sukcesoj en tutŝtataj konkuroj estis atingitaj per la prezentadoj de „Profesoro Polejajev“, „Gelo Sebechlebský“, „Kubo“, „Port Artur“, „Optimisma tragedio“. — Plue la gravaj surscenigoj de „Jánošík“, „Johano Hus“, „Homo kun pafilo“, „Vitra zoologia ĝardeno“, „Intrigoj kaj amo“, „Volpone“, „Tartuffe“, „Otello“, „Antigono“, „Mia generalo“ kaj aliaj, envicigis ĉi tiun teatron — ekde 1951 funkciantan kiel Armea Teatro — en la vicon de la plej elstaraj ĉeĥoslovakaj profesiaj teatroj.

En 1951 la prezidento de la Respubliko distingis la Armean Teatron en Martin pro ĝia dekjara patriota, idee batalanta, pionira agado per la Ordeno de Laboro.

Dum dudek jaroj la Martina teatro vizitis 247 lokojn de la Ĉeĥoslovaka Socialisma Respubliko kaj entreprenis sukcesajn rondvojaĝojn en Sovetunio, Pollando, Jugoslavio kaj Hungario, kie ĝi per siaj surscenigoj de la teatrajoj „Jánošík“, „Mia generalo“, „Kristino“, „Antigono“, „Kamparana amo“, „Virina leĝo“, „Kruda ligno“ entuziasmigis la tieajn publikojn.

Ĝis fino de la sezono 1962—63 ĝi surscenigis 161 dramojn, 18 porinfanajn teatrajojn kaj 12 aliajn teatrajojn. Ĝia repertuaro entenas hejmajn kaj mondajn klasikulojn kaj modernajn aŭtorojn.

La Martina teatro, nun jam Teatro de Slovaka Nacia Revolucio, daŭrigas la progreseman laboron, komencitan antaŭ dudek jaroj ĉe sia ekesto. Pri tio atestas la surscenigoj de la teatrajoj „Aristokratoj“, „El la vivo de la insektoj“, „Malliberuloj de Altona“, „Irkutska okazintajo“, „Ŝtormo“, „Pri la musoj kaj homoj“ k. a. Eĉ inter la pretendemaj postuloj, kiujn starigas la socia evoluo, ĝi plu klopodos evoluigadi kaj priprofundigadi sian agadon, por ke ĝi havu laŭeble plej grandan meriton pri la kulturpolitika edukado de la nova homo.

## KARA VIZITO EL MARTIN

La 5-an kaj 6-an de junio 1964 s-anoj Čambal kaj Hupka, reprezentantoj de esperantista rondeto ĉe la Uzina Klubo RSM de la Maŝinfabriko de Turiec en Martin kun k-do Minca, sekretario de la UK vizitis nian urbon Jihlava. La ĉefpunkto de ilia vizito estis Domo de Kulturo de RSM en Jihlava, kie ili estis bonvenigitaj fare de la direktoro k-do Baloun, kiu tre volonte respondis je ĉiuj demandoj tuŝantaj la organizon de la kultura kaj eduka vivo en la Domo de Kulturo. Niaj gastoj trarigardis ankaŭ ĉiujn ejojn en la Domo de Kulturo. Posttagmeze ili estis bonvenigitaj en la urbodomo fare de la sekretario k-do Hošek kaj de la vicprezidanto de la Urba Nacia Komitato. Ankaŭ ĉi tie oni en amika diskuto interŝanĝis plurajn spertojn el la socia vivo.

Post mallonga trarigardo de la urbo niaj karaj gastoj renkontiĝis vespere kun lokaj geesperantistoj ĉe amika interbabilado. La sekvan tagon ili ankoraŭ vizitis la distriktan arkivon kaj la departementan muzeon.

Tiu ĉi vizito fariĝis grava okazaĵo en la ĝemeliĝo de Martin kun Jihlava.

# TURČIANSKE TEPLICE 1964

Jam la trian fojon okazis la kunveno en Turčianske Teplice, kiu jam fariĝas tradicia, estante bona kaj konvena okazo por ĉeesti kun ges-anoj en agrabla medio de moderna ripozdomo, konsulti ilin pri siaj problemoj, interŝanĝi kun ili opiniojn pri aktualajoj k. s.

Ĉi-jare kunvenis proksimume kvindeko da ges-anoj. Pluraj el ili estis novaj inter ni, kio ja pruvas, ke malgraŭ ĉio venas novaj homoj inter nin aŭ ke novaj homoj el inter ni ekinteresiĝis pri aktivado sur la verda kampo.

La programo procedis tradicie: sabate estis raporto pri la agado de la rondetoj el Martin kaj Jihlava, dimanĉe detala diskuto kun raportetoj de aliaj rondetoj kaj de unuopuloj, interŝanĝo de spertoj, bazaro, fotografado.

El la aŭdigitaj problemoj estas menciindaj precipe jenaj: Ĉu ni en tiaj ĉi kunvenoj parolu nacilingve aŭ Esperante? — Ĉu ni laboru anonime kaj tiel klopodu atingi rekonon, t. e. ĉu ni vere plej bone propagandas nian aferon ne menciante Esperanton? — La atakoj kontraŭ nin ne darfas nin timigi (ĉar nur kontraŭ arbo kun valoraj fruktoj oni jetas ŝtonojn), sed ni eluzu la atakojn por klarigado kaj informado en deca formo. — Necesas, ke ni kunlaboru kun turismaj organizaĵoj kaj oficejoj instigante al eldonado de Esp-aj prospektoj kaj proponante nian helpon kiel Esperantaj gvidistoj. — Tiaj ĉi kunvenoj estas utilaj kaj gravaj, ni klopodu okazigadi similajn akaŭ en aliaj regionoj (Košice?). — Favora vetero malfavore influas la esp-istan aktivecon. Necesas fari ĉion eblan por trovi novajn formojn de agado kaj eviti, ke esperantismo fariĝu nur vintra kromokupo. — Necesas zorgi pri nia ĉirkaŭaĵo (rondetoj kaj unuopuloj) fari „inventuron" de iamaj anoj, reinteresigi ilin kaj klopodi altiri ilin al la kluboj, izolulojn rekonsciigi. — Ktp.

La partoprenintaj ges-anoj estis el lokoj inter Jihlava kaj Bardejov. Estis interese aŭdi ĉiujn el ili pri la klopodoj farataj diversloke por la progresigo de nia afero, tial verŝajne la ges-anoj el malproksimaj lokoj ne bedaŭris esti venintaj por partopreni. (Sed male, mirigis la nepartopreno de ges-anoj el la proksima ĉirkaŭaĵo — el Prievidza, Handlová, Banská Bystrica — kaj la sistema ignorado de tiu ĉi kunveno flanke de bratislavanoj, kiujn reprezentis kaj pri kiuj per dekduo da vortoj raportis ne-bratislavano.)

Ni povas ĝoji, ke la komprenemo de la Uzina klubo de la maŝinfabriko en Martin ebligas okazigadi tiujn ĉi kunvenojn, kaj tial ni per aktiva ĉeesto kontribuu al la sukcesigo de la venontaj.

VeGa

Jaroslav Seifert:

## POETO KAJ ALIAJ METIOJ

Poet'? Babilas nur sensaĝe
kiel malnova disk' tedaĉe.

Li skribas versojn rim' kun rimo,
pri amo, vino, pri rozet',
senmonas antaŭ monatfino,
senmonan savas pruntopet'.

Sur tablojn, tukojn li krajonas,
enpoŝe stokas versojn nur,
al verk' li plumon nur bezonas
kaj fingron markas ink-makul'.

Koncize — oni misfartadas
iam ĉe l' ritma kant-akuŝ'.
Kolomb' rostita — li ĝin ŝatas,
enflugas ne al lia buŝ'.

Kamentubist' — kia bonŝanco,
li paŝas digne sur la placo.

Fumtubon li enrampas haste
kaj jam elvenas al sunbril',
descendas sur eskal' elaste
en man' kun verga balail'.

Cirkulis diroj disfamiĝaj,
feliĉ' ke akompanas lin.
Tial knabinoj superstiĉaj
ofte sur fingroj fulgis sin.

Mastrinon tamen ĉu konsolas,
ke en la menso sen zorgnub'
pri vino gaja kant' sonoras,
se ne blovtiras kamentub'?

Barelist' — jen ankaŭ belplene:
barelojn faras li ĝardene.

Gaje li batas ringan feron,
kaj brak' lin ne doloras eĉ.
Poste li prenas la barelon
kaj ĝin kalfatras per la peĉ'.

Pli frue ol poet' kun ŝvito
sukcesas iam pri sonet',
barel' sin rulas kun fluido
jam el brasejo al urbet'.

Kial ni ŝatas bareliston
diveno kuŝas sur la man'.
Post danc' ni soifeg-insiston
kun ĝu' likvidas ĉe la kran'.

Kiam bakisto ĉapon prenas
de farunpolvo ĉambro plenas.

Ĉe fermentil' bakisto staras
kontrole frumatene tuj
— ĝin li vespere jam preparas.
Poste li viglas ĉe kneduj'.

Al past' parole sin direktas
antaŭe li, ne ŝercas mi,
Ĉar tiu past', ĝi viva estas,
post bona vort' fermentas pli.

Kaj post moment' panbul' pretiĝas.
Laŭ bak' odoras lia dom'.
Kaj kiam homoj ellitiĝas,
iris bakist' nur al la dorm'.

La forĝist' — alia etoso,
glora jam estas eĉ amboso.

Fingre poeto ritmon bekas,
sonludas kun la vorta bel',
sed brak' forĝista falfrapegas
sur hufoferon per martel'.

Laboras li en duonlumo,
hufferojn ĵetas li al tin'.
Fajrera pluv' sur forĝkostumo
ja tute eĉ ne ĝenas lin.

Dum ĉi muzik' ja dorm' ne venas,
la domo tremas ĝis tegment'.
Ĉeval' obee kruron tenas
je hufofero en atend'.

Ni al poet' revene iros.
Diros li ion? Certe diros!

Kaj diros ĝin en lingvo bela,
l' unua lingvo de infan',
kiun ni en la temp' danĝera
defendis eĉ en sangoban'.

Lingvo patrina, la vivanta,
ĉe li dolĉsonas; Aŭdu nur!
Kaj kiam la poet' ekkantas
pro larm' ne vidas la okul'.

Kiel glaset' ĝi sonas tinte,
per nobla ton', per glorsonor'.
Fenestren rozon enjetinte,
poet' ridete iras for.

El la poemaro „Pentristo iris malriĉe en mondon". Tradukis JIŘÍ KOŘÍNEK.

KARLO ČAPEK



# URA KAZO

Do: havante okdek-kilometran rapidecon mi ekvidis vojkurbiĝon kaj firme konvinkita, ke la vojo post ĝi estas libera — tio kompreneble estis bovstultaĵo — mi sufokas nur iomete la gason kaj pelas la maŝinon gaje en la turnaĵon. Kaj jen — palpebroj de miaj okuloj subite ektremetis — la vojon krucigas procesio. Enterigo. Ĵus transiras la ŝoseon kaj turniĝas al la pordego de la tombejo. Do mi forte surtretas la bremson kaj — homoj, tio estis glito! Mi nur memoras, ke kvar junuloj, kiuj portis la ĉerkon fulmrapide flankensaltis kaj jam ruliĝadis en la fosaĵo, dume momenton en la aero balancinta ĉerko falis teren kaj krak! mia veturileto trafis per sia malantaŭa kotŝirmilo la survoje kuŝantan ĉerkon kaj la kesto flugis trans la panketo (ŝoseorando) surkampen.

Mi rampas el la veturilo kaj diras al mi Kristo Sinjoro, se mi kunprenis ankaŭ la paroĥestron kaj la ĉerkon sekvintan afliktitaron, tio estos bela pridonaceto! Sed nenio okazis; unuflanke de la ŝoseo staris ministranto kun la kruco kaj duaflanke la paroĥestro kun la afliktitaro, ĉiuj kvazaŭ vaksfiguroj. Nur nun komencis la paroĥestro tremeti pro la ektimo kaj indigne riproĉi min: „Homo, homo, ĉu vi ne havas respekton eĉ por la mortintoj?“ — Kaj dume mi klare aŭdis kanti mian koron, ke mi ne mortigis iun el la vivantoj! — Poste la homoj rekonsciiĝis: ili parte komencis insulti min, parte kuris helpi al la mortinto en la frakasita ĉerko; miaopinie tio estas jam tia pure homa instinkto. Sed neatendite ĉiuj are kuris reen kaj preskaŭ blekis pro teruro. El la amaso da frakasitaj lignotabuloj rampas viva homo, palpserĉas ĉirkaŭ si per la ostaj manoj kaj klopodas sidigi sin. „Kio, kio estas tio“, li ripetas kaj vane provas sidiĝi.

Mi estis ĉe li pli frue ol eblas diri frap'. — „Aveto, aveto", mi diras, oni ja estus vin preskaŭ enterigintaj!" Kaj mi helpas lin elrampi el la lignotabuloj. Li nur palpebrumetas kaj balbutas: „Kio? Kio? Kio?" sed ekstari li ne povas. Mi pensas, eble rompitan maleolon aŭ ion similan li havos pro tiu alpuŝo. — Mi ne parolu longe pri tio; mi metis en mian aŭtomobilon la avon kaj la paroĥestron kaj veturigis ambaŭ en la domon de l' aflikto; kaj nin sekvis la tuta postrestinta afliktitaro kaj la ministranto kun la kruco. Kaj la muzikistaro kompreneble;sed ili ne ludis, ĉar verŝajne neniu el ili sciis, ĉu iu pagos aŭ ne. — „La ĉerkon pagos mi", mi diris, „kaj ankaŭ la doktoron; rilate la ceteron vi povas danki min, ke ne okazis enterigo de la vivanta homo!" — Kaj mi forveturis. Por diri veron, mi ege ĝojis, ke l' afero jam estas malantaŭ mi kaj ke ne okazis io pli malbona.

Ho, kiel naiva estis mi! L' afero ja ĝuste nun nur komenciĝis. Unue sendis al mi la vilaĝestro de tiu loko tute konvenan leteron: ke la familio de tiu ŝajnmortinto, iu Antonio Bartoš, emerita fervojisto, estas tre malriĉa: ke ili volis inde enterigi sian aveton, sekve de kio ili elspezis la lastajn por tiu celo ŝparitajn groŝojn kaj ke nun, kiam pro mia senatenta veturado l' aveto reviviĝis, ili devos enterigi lin ankoraŭ unu fojon, kion, estante tre malriĉaj, ili ne povos fari plu. Do, ke mi sendu al ili la monon por la unua de mi fuŝita enterigo inkluzive la pagon al la paroĥestro, muziko, tombisto kaj la elspezojn por la postenteriga festeno.

Poste venis advokata letero en la nomo de tiu aveto mem: ke Antonio Bartoš, emerita fervojisto, postulas de mi kompenson por la ruinigita mortkitelo; plue kelke da centkronoj por la kuracado de la tordedifektita maleolo; kaj kvin mil kronojn kiel dolorkompenson pro la lezajo, kiun li miakulpe al si okazigis. — Tio jam ŝajnis al mi iomete stulta.

Pli poste nova letero: ke l' avo kiel emerita fervojisto ricevadis pension; kiam li estis de Disinjoro alvokita kaj feliĉe mortis, oni ĉesis kompreneble sendadi al li la pension kaj nun la oficejo ne volas rekoni lian novan petskribon, ĉar ili havas skriban ateston pri lia morto de la distrikta oficiala kuracisto. Tiukaŭze l' aveto estas devigata akuzi min ĉe la juĝtribunalo, ke mi nun pagu al li ĝismortan renton kiel kompenson por la perdita pensio.

Plua admonletero: ke l' aveto ekde la tempo, kiam mi revivigis lin daŭre malsanetas kaj oni devas nun kuiri por li plifortigantan manĝon; kaj ke mi entute kripligis lin, ĉar ekde lia reveno el la posttomba regno li jam plu ne estas li kaj taŭgas nun al entute nenio. Laŭ onidiro li senĉese kutimas diri nur: „Mi kiel mortinto havis jam ĉion malantaŭ mi kaj nun, ho ve, mi devos morti la duan fojon! Tio estas terura, tion mi ne povas pardoni al li, tion li devas al mi pagi aŭ mi pelos lin kaj procesos kontraŭ li ĝis la Plej supera tribunalo. Tiel maljuste trakti maljunan senkulpan malriĉulon! Tio estus punota same kiel la mortigo!" Kaj tiel plu.

Plej malbone tuŝas min, ke mi tiam ne havis ankoraŭ forsenditan la premion de la respondeca asekuro, pro kio l'asekurejo certe rifuzos akcepti tiun ĉi mian juran kazon. Do mi ne scias. Kaj kion vi, estimataj legantoj, pensas pri tiu ĉi mia afero: ĉu mi vere devos ĉion ĉi pagi?



El la libro: Rakontoj kaj etaj prozaĵoj.
Tradukis: Ilja Severa. — Ilustris: Jiří Schäfer.

## La prononcado en Esperanto

Unu el la argumentoj, kiujn la kontraŭuloj de internacia lingvo uzas por averti la homaron antaŭ tiuspeca artefarita lingvo, estas ilia asertado, ke — se tiu ĉi lingvo sukcesus disvastiĝi en la tuta mondo — ĝi tamen ne garantios la nepran unuecon, nome pro la diverseco de prononcado, kiu finfine kondukos al splitiĝo en multajn dialektojn, kies uzantoj poste ne komprenos sin reciproke.

Tiun ĉi atakon povas maldanĝerigi kaj nuligi niaj spertoj dum niaj internaciaj kongresoj, kiuj — komencante jam per la unua en Boulogne sur Mer — pruvas, ke la tutmonda esperantistaro komprenas sin reciproke spite la eventualajn specialajn prononcmanierojn de la anoj de diversaj nacioj. Tamen, konsiderante, ke ĉiu homo havas sian propran parolmanieron (iu parolas laŭte, la alia mallaŭte, iu rapide aŭ malrapide, iu ne movigas sufiĉe la buŝon, alia parolas kanteme k. s.), oni ne miru, ke komencanto ofte plendas, ke li (ŝi) ne tute bone komprenis la eksterlandan gaston. Ĉe la komenco de nia movado, kiam nia lingvo disvastiĝadis plejparte nur prese aŭ skribe, tiaj diferencoj estis tolereblaj, eĉ se dum la internaciaj kunvenoj estis la devo de ĉiuj akiri spertojn pri la p e r f e k t a prononcado kaj korekti siajn ĉi-rilatajn erarojn. En la nuna epoko, kiam voĉoj disvastiĝas tra la mondo, ja tra la universo facilege per radio, gramofono, sonfilmo kaj sonbendo, ekzistas multe da eblecoj akiri pli seneraran unuforman prononcadon. Ja ni diru, ke la eblecoj ne nur ekzistas, sed ke estas nia d e v o plene eluzi ilin por perfektiĝi en la prononcmaniero.

En tiu ĉi senco la plej grandan respondecon pri la ĝusta, korekta prononcmaniero havas unuavice la verkantoj de lernolibroj en naciaj lingvoj, klarigante plej precize la sonon de la vokaloj per ekzemploj en la nacia lingvo, elektante vortojn, kie la koncernaj vokaloj estas elparolataj perfekte laŭ la senco de nia lingvo. Des pli grandan respondecon havas kompreneble la i n s t r u a n t o j de nia lingvo. Estas ja fakto, ke ĉiu nacia lingvo havas siajn specialaĵojn kaj ne ĉiu sono estas prononcata laŭ la maniero de Esperanto. Ja ekzistas sonoj, kiujn ne ĉiu lingvo posedas. Tamen certe ne estas neeble al tiu naciano lerni la prononcadon de la nekonata sono, neekzistanta en lia gepatra lingvo, se li aŭdos ĝin perfekte elparoli kaj se li estos eventuale instruata, kiel adapti siajn parolilojn por efektivigi la ĝustan prononcadon. Povas ankaŭ esti, ke tiu aŭ alia sono kaŭzos sufiĉan malfacilaĵon por prononcado, sed — ĉu la samaj malfacilaĵoj ne ekzistas dum oni lernas iun alian nacian lingvon? Do, ankaŭ Esperanto meritas la penon alpropriĝi al si la prononcadon de ĉiuj sonoj en la koncerna nacia lingvo eventuale neekzistantaj.

Kaj same grava estas la ĝusta akcentado. Kvankam ĝenerale estas rarajo dum internaciaj kongresoj, ke iu akcentus malĝustan silabon, tamen ekzistas diferencoj en la akcentmaniero. Iuj formas akcenton per — ni diru — mallonga forta elpafo de la vokalo, aliaj trolongigas ĝin.

Nia samideanaro ĝenerale diros certe: Ne ĝenas la diferencoj, ni ja tamen komprenas nin reciproke kaj tio estas decida. Nu bone, ili pravas, ĉar plej ofte sufiĉas pli-malpli longa tempo por alkutimigi la orelojn al iu speciala neperfekta prononcado kaj la malfacila komprenebleco malaperas. Tamen, ĉu ni ne celu ĉefe nun per la menciitaj helpiloj akiri la saman maksimuman perfektecon, uzante nian lingvon praktike ne nur skribe, sed ankaŭ parole?

Mi volus atentigi, ke la akiro de la plej perfekta prononcado estas tre grava tasko de niaj funkciuloj, kiuj partoprenas internaciajn diskutojn dum niaj kongresoj.

En la 5/6 n-ro 1962 de La Internacia Fervojisto estas mencio, ke en Francujo estis eldonita jam la dua gramofondisko, celanta la perfektigon de la prononcado de Esperanto. Eble ankaŭ ni ne prononcas nian lingvon precize kaj perfekte.

Ni do klopodu akiri perfektecon laŭ niaj lernolibroj; ĉiu esperantisto estu tiurilate majstro. —eto

## INTERNACIA RENKONTIĜO EN JIHLAVA

Juna Turkino loĝanta en Bulgario, s-anino Sevdie Pomakova, traveturante Ĉeĥoslovakion survoje al Pollando, petis permeson viziti sian korespondantinon — aninon de la Esperanto-rondeto ĉe Psikiatria Resanigejo en Jihlava. Estante mem sanitara fratulino, ŝi kun intereso vizitis la laborejojn de nia resanigejo kaj la Kulturdomon, kaj entuziasme laŭdis la agrablan medion. Vespere renkontiĝis ĉiuj rondetanoj por saluti ŝin. Ankaŭ nia plej juna s-ano, la 10-jara Jarek Hlávka, komencanto, parolis kun ŝi per facilaj vortoj. Dum la vespero ŝi rakontis al ni pri Bulgario kaj pri Turkujo. Ŝia gaja babilado kreis tre amikan atmosferon kaj la tempo tro rapide pasis. Meznokte ĉiuj partoprenintoj adiaŭis ŝin kun bedaŭro. Forveturante ŝi sendis korajn salutojn al ĉiuj esperantistoj en Jihlava.

Kara Sevdie (turklingve tiu ĉi nomo signifas „amo"), ni ĉiuj ankoraŭfoje deziras al vi bonfarton kaj „Ĝis baldaŭa nova revido!"

(E-rondeto ĉe Psikiatria Resanigejo en Jihlava.)

## DEK JAROJ DE ESPERANTISTA RONDETO EN ŽDÁR NAD SÁZ.

Merite de la instruisto s-ano Březina la rondeto en Žďar reaktiviĝis en la jaro 1954. Ĝi aranĝas kursojn de Esperanto, prelegojn kaj aliajn publikajn aranĝojn. La plej efektiva aranĝo estis la ekspozicio en Anglio (en la jaro 1960), kiun elsendis la angla televido. Pro la zorgeme elektitaj ekspoziciaĵoj la rondeto ricevis dankleteron de ĉeĥoslovaka ambasadoro en Anglio. La rondetanoj havas viglajn kontaktojn kun eksterlandaj geesperantistoj preskaŭ en ĉiuj landoj de la mondo.

## RENKONTIĜO DE ESPERANTISTOJ EN PODĚBRADY

Esperantista rondeto en Poděbrady aranĝis la 6-an kaj 7-an de junio 1964 jam la kvinan fojon Renkontiĝon de esperantistoj. Ĉi-jare ili aranĝis ĝin en la kadro de memorfestoj pri 500-jara datreveno de la unua packontrakto, proponita de la ĉeĥa reĝo Georgo el Poděbrady.

La partoprenintoj venintaj el proksimaj kaj malproksimaj lokoj ĝuis eksterordinare belegan veteron, sabate posttagmeze ili ekkonis la vidindaĵojn de la urbo, vespere post komuna vespermanĝo ili amike amuziĝis dum la programo kompilita el deklamaĵo, kantado, unuaktaĵoj lerte kaj sprite enkondukitaj de s-ano Slanina el Praha. Dimanĉe la partoprenintoj entreprenis la perŝipan ekskurson al la proksima refreŝigejo Oseček, kie en amika medio oni daŭrigis la amuzan programon.

Danko por la aranĝo de la renkontiĝo apartenas precipe al la nelacigebiaj aranĝintoj — s-anoj Fiala kaj Pytloun.

## KORESPONDI DEZIRAS

Dudek 8-jaraj geknaboj de I-a klaso, kie Esperanto estas enkondukita kiel deviga lernobjekto 4-foje semajne po 20 minutoj), serĉas samaĝulojn por interŝanĝo kun simplega teksto. Adreso: Andreo ROGOV, instruisto, IVANKOVCI, Krasilov r-no, Ĥmelnicka obl., USSR.

Josef BOŘIL, Pražská 9, HRADEC KRÁLOVÉ IV, Ĉeĥoslovakio, kun ĉiuj landoj pri ĉiuj temoj, PK, PM, ktp.

NAGY Sándor, ŝtatfervoja inspektoro, dez. korespondi kun ĉsl. gekolegoj. Adreso: Gyöngyösi utca 6. II. 31. BUDAPEST XIII.

Atanas STOJANOV VĂRBANOV, konstruisto-ĉarpentisto, dez. kor. en Esperanto, germana aŭ rusa lingvoj pri naturo kaj kutimoj vialandaj. Adreso: v. LEHĈEVO Mihajlovgrad, BULGARIO.

Esperanto-rondeto ĉe la Uzina klubo de la Maŝinfabriko en Martin aranĝos la 22. — 23.-an de aŭgusto solenaĵojn okaze de la

20—A DATREVENO DE LA SLOVAKA NACIA REVOLUCIO

Sabate la 22-an de aŭgusto 1964 je la 20-a horo en la nova konstruaĵo de la Uzina klubo okazos S o l e n a a k a d e m i o kun festparolado, poemoj kaj prozaĵoj en Esperanto kaj en la slovaka lingvo, kantoj, muziko, filmo.

Dimanĉe la 23-an de aŭgusto 1964: Esperanto-bazaro, partopreno en la solenaĵoj de la Ligo de batalantoj kontraŭ faŝismo kaj ekskurso al Martinské hole.

Preparu vin al partopreno! Petu aliĝilon de: E S P E R A N T O, p. pr. 80 M A R T I N

# Invito al Esperanto-renkontiĝo en Szolnok, Hungario

Esperantistoj kaj la Fremdultrafika oficejo en la urbo Szolnok aranĝos la 20.—22.-an de aŭgusto 1964 tritagan internacian renkontiĝon. Kun amo estas ĉiuj eksterlandaj geamikoj invitataj. La programo: Bonvenigo en la kulturdomo, komunaj tagmanĝoj kaj vespermanĝoj, sinbanado en la bosko Tisza, atrakcioj kun ĉevaloj, rajdado, vizito en la observatorio de Szolnok, amika babilado en la amuzejoj de la urbo, fine balo en la hotelo Tisza. Kostoj: Hotelo — 25 ĝis 29 forintoj por unu persono potage. Tranoktejo por turistoj — 12 forintoj por unu persono potage. Manĝado kun trifoja abunda manĝo kun la hungara specialaĵo 40 forintoj potage. Laŭ manĝokarto: matenmanĝo 5, tagmanĝo 12 kaj vespermanĝo 12 forintoj.

Adreso por aliĝo: Fremdultrafika oficejo, SZOLNOK, Kossuth tér. Hungario.

---

Karaj geamikoj, komence de majo mi estis persone en. Szolnok, kie s-ano Szilágyi kaj s-rino Dr. Murrayné, estrino de la turisma oficejo kaj kelkaj aliaj geesperantistoj akompanis min tra la urbo montrante al mi la belecon kaj la vidindaĵojn de la urbo. Mi estas tre dankema pro iliaj bonkoreco kaj amikeco kaj el la tuta koro mi rekomendas al vi partopreni la aranĝotan internacian renkontiĝon. Vi certe ne bedaŭros. Ne prokrastu kaj aliĝu tuj. La esperantistoj en Szolnok preparas por vi tre agrablan restadon. (Václav Tyráček, Jihlava.)

Ĉ U V I J A M H A V A S?

„„Základy medzinárodného jazyka Esperanto“ de V. Gazda, lernolibro por komencatoj, Kčs 10,—.

„Meteoro“, moderna slovaka teatraĵo de Peter Karvaš en Esperanta traduko de V. Gazda — taŭga donaco por viaj eksterlandaj korespondantoj, Kčs 10,—.

Esperantista insigno — verda stelo en blanka cirklo, Kčs 3,—.

Leterpapero kun koverto, ambaŭ kun surpresita verda stelo kaj teksto, 1 kompleto Kčs 0,25. (Minimuma liver-kvanto 50 pecoj.)

Mendu ĉe „ESPERANTO, p. pr. 80, MARTIN.

---

ESPERANTO, metodologia helpilo IV-VI 1964
Redakcio: ESPERANTO, poŝtfako 80, MARTIN, Stredoslov. kraj
Administracio: ESPERANTO-GRUPO GRAFIA, JIHLAVA, Ĉeĥoslovakio.
Presis: GRAFIA, JIHLAVA, Povol. MěstNV 93-Vá-64. Q-17*41875